*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 30/05/2019 Kvarcentdudekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

## Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.

## Legu tiujn kiuj interesas vin

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 828,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 324,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 302,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 202,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.70






**(La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay**

La nuraj verboj eblaj okupi kernon de Subjekto kaj de Objekto kaj de Adjekto (kaj eĉ de Predikativo) estas la Infinitivo kaj la Suborda Frazo, kiu lasta ne estas verbo sed povas havi en si ĉiun ajn specon de verbo. Jen ekzemploj de la Infinitivo: (subjekto) ŜANĜI la veteron estas tre malfacila afero"; (objekto) Farmistoj ŝatus ŜANĜI la veteron"; (adjekto) "Oni faras tion por ŜANĜI la veteron"; (predikato) "Ilia celo estas ŜANĜI la veteron". Jen ekzemploj de la suborda frazo: (subjekto) "Ke li AKCEPTIS la proponon estas helpema"; (objekto) "Mi admiras ke li AKCEPTIS la proponon"; (predikativo) :"La celo estu ke li AKCEPTU la proponon".

Kontraŭe al mia opinio, P.A.G. akceptas verbojn kiuj havas du malsamajn Objektojn, ekz. "Li petis la policanon (= objekto) tralasi lin (tralasi lin = predikativo)" kaj "Li petis la policanon (= al la policano, Adjekto/Nerekta Objekto) lin tralasi (= (Rekta) Objekto). Ĉar mi malŝatas esceptojn al la gramatikaj reguloj, mi juĝas gramatike ĝusta nur la lastan klarigon. En tiu kazo oni ĉiam petas ion al iu. Same pri ekz. "demandi" kaj "pardoni": "Mi demandos al li, kien li iros", anstataŭ la ankaŭa PAG-a "Mi demandos lin pri kien li iros", kaj "Ŝi pardonis al li lian

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

ŝercon" , anstataŭ la ankaŭa PAG-a "Ŝi pardonis lin pri lia ŝerco".

*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagata kafo atendas vin.
La 1a de junio estos la unua sabato. Venu.



. *Roger Springer.*








Linda Danzer fotis bildon de nia maja kunveno.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

.*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

Bildo montras Sandra Connors, Naomi Bichino, Petro Danzer, Johano Gold, kaj Sofia Syros.
Sube la gastoj, S-ino Amorison kaj Paul Howlett sendis *Petro Danzer*



# Aŭstralia kulturero en mia ĝardeno.





## ĈU DANĜERA AŬSTRALIA KULTURERO ?

Kompreneble Aŭstralio havas sian kulturon, kvankam grandparte miksaĵo de aliaj.

Unu tipe kaj origine aŭstralia kulturero ekestis pro necesoj, unua la manko de sufiĉe da metiistoj, precipe en la malurbejo, kaj parte pro manko de mono por pagi la metiistojn. El la komenco de la brita koloniiĝado ĝis nun tio multe ŝanĝiĝis ĉar nun estas ĉie sufiĉe da metiistoj, kvankam ili plu restas tre multekostaj en siaj servoj. La metiistoj estas precipe la plumbistoj, la ĉarpentistoj, la domkonstruistoj, la koloristoj, kaj la elektristoj. En Eŭropo la metiistoj ricevis ĉiam relative malaltajn salajrojn, ne multe pli ol fabriklaboristoj. En Aŭstralio la metiistoj ne sentas sin laboristoj, sed mezklasanoj, kiel la butikistoj. Tio statas tiel, ĉar ili kutime laboras sendepende, kaj do havas sian propran kompanieton, kaj kiam ili laboras por aliaj kompanioj, ili vendas sin kiel "subkontraktisto". Pensante ke ili estas socie pli gravaj ol laboristoj, ili en elektoj voĉdonas ĝenerale kontraŭ la laborpartioj. Cetere la grandaj kaj malgrandaj dungistoj nuntempe dungas, se ili povas, ne laboristojn, kiuj ja havas minimuman bazsalaron, sed kiel subkontraktistojn, al kiuj oni leĝe povas doni iun ajn salajron, ĉar la salajro tiam nomiĝas "komerca intertrakto".

Nu, en la komenco de la historio de Aŭstralio la homoj evitis la metiistojn kaj faris la metian laboron mem, memlernante iomete la metiojn, sufiĉe por fari aŭ ripari siajn domon, laborejetojn, veturilojn, ĝardenon, kaj meblojn. Tio fariĝis tre forta aŭstralia kulturero, kvankam dum vizito al Alasko mi ekhavis la impreson ke tie la situacio estas sama. La aŭstralianoj konstruis kaj riparis kaj kolorigis sian domon, kreis sian ĝardenon, kaj faris ĉion kion faras metiistoj. Ofte eĉ la akvoplumbadon, kaj ne malofte ankaŭ la elektradon. Ni pensas, ke pro tio multaj akcidentoj devis kaj devas okazi, sed tio ne estas la realo. Dum en Eŭropo neniu persono, eĉ malriĉa, farus iun ajn metian laboron pri siaj domoj k.t.p., la aŭstralianoj lernis prizorgi sin mem pri ĉio konstruenda aŭ riparenda. Tio fariĝis parto de ilia kulturo, tiom malsama al la eŭropa, kaj mi tre baldaŭ akceptis kaj praktikis tiun kulturon, kiam mi enmigris en 1952 el Nederlando, kie mi neniam havis fosilon aŭ martelon aŭ turnilon en miaj, tamen malriĉaj, manoj. Kaj tiu kulturero grandparte restas: dum la lastaj kelkaj semajnoj mia plurmiljonula (pro memstara laboro konsili al grandaj kompanioj kiel ne pagi imposton) najbaro riparadas parton de sia domtegmento dum la taghoroj. Kaj eĉ la metiistoj mem faras por si mem laborojn de aliaj metiistoj, inkluzive de elektristoj. Du samfamilianoj miaj, nun mortintaj, faris, ĉar ili estis plumbistoj, ankaŭ la elektrolaboron, sed nur por si mem. Pro la aŭstralia kulturo. Kaj simile pri ĉarpentistoj kaj kolorigistoj. Kaj kiam oni faras ion pri sia domo, veturilo, meblo, aŭ ĝardeno, oni ofte faras la laboron pli bone, pro amo al siaj posedaĵoj. *Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

.Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero. rspring@tpg.com.au



**VOĈDONADO.** *(Vidu AE427. Pli bonigu ELEKTOJn en Aŭstralio de Roger)*

Mi samopinias kun Roger, ke la elektosistemo en Aŭstralio devas ŝanĝati laŭ liaj ideoj.

**ETNOLINGVUMI.**



Sed mi ne samopinias kun Vera, ke ni devas enkonduki en Esperanton infanecajn verbojn faritajn el animaloj, kiel "krokodili", ĉar etnolingvumi havas nenian rilaton al la konduto de tiuj animaloj. Kaj kio pri "rinoceri" kaj "hipopotami"? Kaj centoj da aliaj tiaj monstraĵoj?

Iu kiu marcelas.

***POR LINGVISTOJ.***



*La predikativo, en Esperanto kiel en eŭropaj lingvoj, estas parto de predikato, kies alia parto estas verbo (do finiĝanta per –is, -as, -os, -us, -u, sed ĉi tie ne per –i). Oni devas akcepti tiajn predikativajn predikatojn kiel formantajn unu nedivideblan signifon, Do ne kiel "la bela rozo", kie "la" kaj "bela" kaj "rozo" havas ĉiu sian propran signifon. Tial tiaj predikatoj devus esprimati en unu vorto, ekz. "Mi blupentras la domon" kaj "Ni prezidantelektis lin", kaj "Li nun prezidantas". La tialo por uzi ilin malkune, estas komprenfacileco. Do ne logika tialo, sed natura kaŭzo.*

*Pro sia funkcio la predikativo estas normale adjektivo aŭ substantivo. La etnaj lingvistoj nomas la predikativon "la neverba parto de la predikato", kvankam kelkfoje la predikativo estas infinitivo. Antaŭ longa tempo la hindeŭropaj lingvoj kreis specialajn predikatojn predikativajn, uzante la verbon "havi" kun kiel predikativo unu el la du participoj, kiuj tiutempe funkciis kiel adjektivoj: "Ili havas la kokinaĵon MANĜITA" (kaj ankaŭ " La kokinaĵo estas MANĜITA", kaj "Ili estas( la kokinaĵoj) MANĜINTAJ". En tiu tempo la du partoj, ĉar unu predikato, komprenatis kiel unu signifo. Do ankaŭ en tiu tempo oni devis akcepti la tutan predikaton kiel unu signifon, kaj oni do devus diri "Ili manĝithavis la kokinaĵon", kaj "Ili manĝintestis". Poste la parolantoj decidis, MALĜUSTE, juĝi la predikativajn adjektivon kaj substantivon esti verboj, KAJ NUR ĈAR TIAJ KOMBINAĴOJ RICEVIS IOMETE ALIAJN SIGNIFOJN, nome ke nun oni donas al "Mi havas la kokinaĵon manĝita" la signifon, ke iu ajn povis kaŭzi la manĝadon dum antaŭe ĝi signifis ke la subjekto de la frazo faris la manĝadon. Do kvankam nun "They have eaten the chicken" havas iomete alian signifon ol la antaŭa, ĝi plu devas juĝati kiel speco de predikativa predikato, kaj la predikativo plu havas adjektivan aŭ substantivan funkcion, kaj devus nomati, en la etnaj lingvoj, "participo = verba adjektivo aŭ verba substantivo". En Esperanto tiuj participoj jam havas tiujn ĝustajn nomojn.*

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

La tialo pro la manka informo pri via klubo estas ke via klubo ne sendis ĝin al AE

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Pli bonigu ELEKTOJn en Aŭstralio.** *(Vidu AE427. Pli bonigu ELEKTOJn en Aŭstralio de Roger)*



Unue:- Havu lokon por elekti **"mi ne havas opinion"** sur la voĉdonilo.
Due:- Malpermesu la fordonon de tiel voĉdonaj broŝuroj antaŭ la voĉdonejoj.

**Kion vi opinias?** *Roger Springer* *Vidu AE427.*

**Universala baza enspezo (UBI)** Por pli kontentiga kaj sekura mondo.



**Kion vi opinias?** Roger Springer *Vidu AE426.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★







Gratulegon tre kara amiko Roger Springer!

Mi ankaŭ dankas miajn legantojn, kiuj sendis naskiĝtagajn bondezirojn al mi *Roger*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3zzz** En la elsendo de la 27a de majo aŭskulteblas la intervjuo de Sandor Horvath pri velsikologio , la studo de flagoj. Ankaŭ estas prezento de itala kantistino Kjara. Baldaŭ estos disaŭdigataj kelkaj el ŝiaj kanzonoj.



La Esperanto-grupo en 3zzz havis sian jarkunvenon je la 27a de majo. Se gravas al vi la elsendo ne forgesu pagi remembriĝon kaj sendu kontribuaĵojn . La teamo antaŭdankas vin. *Franciska Toubale*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*




7-a renkontiĝo www.esperanto-bjelovar.hr

## ESPERANTISTOJ DE BJELOVAR AL SIA URBO

20-a – 22-a de septembro 2019 informis *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## ESPERANTO.NET




Ni invitas vin ekkoni kaj uzi gravan rimedon por disvastigi Esperanton. Esperanto.net estas retejo de UEA, kiu provizas bazajn informojn pri Esperanto, kiel lerni ĝin kaj kiel kontakti landajn, regionajn aŭ lokajn asociojn. Tiuj informoj disponeblas en 66 lingvoj kaj la retejo aŭtomate montras la lingvon de la vizitanto.

## Amikoj de Esperanto




Per la retejo jam aliĝis pli ol 600 Amikoj de Esperanto, kiuj konsistas el homoj, kiuj ĵus konatiĝis kun Esperanto kaj al kiuj ni sendas mesaĝojn por sciigi ilin pri la lingvo, pri UEA, pri TEJO kaj pri la koncerna landa asocio.

Ni sendas la enkondukan dulingvan mesaĝon en Esperanto kaj la angla, araba, farsia, portugala, hispana kaj franca. Tiuj lingvoj reprezentas 87% el ĉiuj aliĝintoj. Se vi volas helpi nin sendi mesaĝojn ankaŭ en via lingvo, bonvolu kontakti nin.

Ni sendos ankaŭ mesaĝojn en Esperanto al eks-membroj de UEA.

## Unu lerneja leciono pri Esperanto!




En la baza lernejo, ĉiuj devus lerni iom pri Esperanto, minimume per unu leciono. Tiu leciono povus okazi kadre de la instruado de fremdaj lingvoj, aŭ de aliaj temoj (ekz. historio, sociaj kaj politikaj sciencoj). Konatiĝu kun la baza ideo de Klaus Friese, kiu vizitis jam pli ol cent lernejojn en Germanio: http://esperanto.net/eo/leciono/.

informis *Katja Steele*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*